XXXIII-a Jaro — N-ro 438 — 10 Marto 1937

# ESPERANTO

Internacia Gazeto eldonata de la Universala Esperanto - Asocio

# Novaj vojoj en la propagando

## Celo de l'propagando - Ĝisnunaj metodoj - Spertoj - Novaj ideoj - Realigado

### La celo de l' propagando

La celo de propagando estas altiri la atenton de la publiko al io kaj ĝin gajni. Propagando estas la klopodado por disvastigi ideon. Ĝi diferencas en tio de reklamo kiu havas komercan karakteron. Neniu movado povas sin deteni de propagando, ja eĉ la plej potencaj institucioj de l'mondo uzas la propagandon por diskonigi siajn ideojn aŭ eĉ por ilin enpuŝigi, enradikigi en la cerbojn de l'homoj. Ne sufiĉas, ke io estas konsiderata kiel bona kaj ke ĝi sekve enkondukiĝas de si mem, per la forto de ĝia boneco. Malfeliĉe ne! Ĉiu nova ideo, ĉiu progreso kultura, precipe se ĝi ne estas ligata al industria ekspluatado, devas esti klarigata, montrata, laŭdata, rekomendata por esti fine akceptota de skeptikuloj. Kaj ne sufiĉas tio. Necesas akompani tiujn manierojn de diskonigo per pruvoj pri certaj ecoj de l' propagandata ideo, alie la celo atingota malproksimiĝas pli, ol proksimiĝas.

Jam frue la propagando por nia lingvo okupis vastan spacon en niaj variaj klopodoj. Propagando, instruado, praktikado, jen la tri ŝtupoj de l'agado. Varia kiel la mondo al kiu ni devas nin turni estas ankaŭ niaj manieroj de propagando. Kaj ke ĝi ne estas sen impreso ĉe eksteruloj pruvas la citaĵo el kontraŭ-esperanta broŝuro de Brazila Reprezentanto de la Brazila Registaro ĉe la Ligo de Nacioj kiam oni traktis pri la problemo « Esperanto kiel internacia lingvo » (1922) Valoras koni tiun ĉi komplimenton :

« *Dans cet examen de la cause de l'Espéranto, qui nous a été imposé par les circonstances, il n'y a vraiment qu'un seul élément que nous ayons trouvé remarquable, mais celui-là est véritablement digne d'admiration par sa ténacité inlassable, la variété et l'ingéniosité de ses moyens d'actions : c'est l'élément propagande. C'est, comme il arrive parfois de nos jours une propagande admirablement organisée et soutenue au service d'une cause détestable.* »

*Traduko :*

« En tiu studado de la Esperanto- afero, kiu estas altrudita al ni de la cirkonstancoj, nur unu punkton ni trovis rimarkinda, sed tiu vere estas inda je admiro pro ĝia senlaca obstineco, la diverseco kaj lerteco de ĝiaj rimedoj : estas la propagando. Tio estas, kiel okazas kelkfoje nuntempe, admirinda propagando, organizita kaj subtenita je la servo de abomeninda celo. »

Ne ĉagreniĝu, kara leganto pro la akraj vortoj de la estiminda brazila ministro. Ili estas ankoraŭ mildaj kompare al aliaj floroj oratoraj, troveblaj en la broŝuro menciita. Ni revenu al la objekto de nia prikonsidero.

Propagando estas do necesa kaj estos necesa, eĉ kiam Esperanto estos ĝeneralaĵo. Eble tio ŝajnas paradoksa, sed deduktebla laŭ spertoj en aliaj sferoj de homa klopodado. Esperantisto, eĉ se li ne intence propagandas, tamen en certaj okazoj ne maloftaj li propagandas por la lingvo kiun li lernis kaj kiun li amas. Neniam oni farus la samon por la gepatra lingvo, ĝi ekzistas — eo ipso — kaj la devigo ĝin lerni pere de fremdulo devenas el tute aliaj motivoj ol ĉe Esperanto .

### Ĝisnunaj metodoj

Priparoli ĉiujn metodojn de propagando estas ja neeble en devige resuma artikolo. Klasigante ilin, oni rekonas tuj du manierojn: la individuan kaj la amasan. La individua, sin turnanta al unuopa persono, eble elektita, fariĝas plej ofte per presitaj dokumentoj, propagandiloj ĉiaspecaj kaj variaj. La dua — amasa propagando — estas la paroladoj, prelegoj, konferencoj publikaj. Unu kompletigas la alian, absoluta supereco de unu aŭ de alia ne ekzistas.

La rimedoj por la propagando estas do presaĵoj. Libretoj, inter ili la ŝlosiloj de Esperanto, folioj kiuj elmontras la celon de internacia lingvo, glumarkoj. ĉio tio estas la rekta propagando. Alia rimedo estas la aludo pri internacia lingvo kaj pri Esperanto en ĉiaspecaj verkoj, estas la esp. resumoj de verkoj ĉe la fino, estas la cito ĉia kaj ĉie-ajn. Al tiu ĉi apartenas ankaŭ la uzo de vortoj pure Esperantaj kiel fabrikmarkoj, penetrado de esp. vortoj en la kurantan lingvon de pluraj landoj. Apartenas al tiu ĉi kategorio, la uzo de nia lingvo sur oficialaj ŝtataj dokumentoj, sur poŝtmarkoj, sur afiŝoj publikaj k.t.p. k.t.p. Kvankam la uzo de Esperanto en publika vivo estas praktiko, ĝi ankoraŭ ludas rolon de propaganda faktoro. Analizante la temon « propagando » oni ne venas al fino.

Varia kiel estas la manieroj estas ankaŭ la financado. Izoluloj, eldonistoj, societoj partoprenas en la pretigo de la propagandiloj. La principo, lasi liberan manon al ĉiu, estas sana. Ĝi dispartigas la riskon sur multajn ŝultrojn kaj, ĉar propagando estas negoco kun perdo, la domaĝo estas relative malpli sentata.

### La spertoj

Iuj trovas, ke la propagando laŭ la montritaj metodoj ne estas sufiĉa, ke mankas la konkretaj sukcesoj, aŭ se tiaj estas, ili ne estas kontentigaj. Kritiko kiu estas ĉiam facila, malatentas tie la spertojn faritajn de aliaj movadoj, ja eĉ tiujn de potencaj institucioj kun apogo per pli realismaj faktoj, ol la niaj. Kiun gigantan aparaton ekzemple posedas la diversaj eklezioj por kunteni la homojn kaj konverti novajn, kiom kolosa estis la montegoj da penoj, da mono, da papero, kiujn bezonis politikaj partioj por atingi certan pozicion en la socia vivo. Verdire oni devus rekomendi al iuj de niaj fervoruloj, ioman paciencon kaj moderon en la postuloj. Kio ne malhelpu, ke oni tamen serĉu kialon de nesufiĉa sukceso aŭ de fiasko.

Konklude oni povas diri, ke en la iloj kaj en la manieroj de nia propagando ne multe estas ŝanĝinda aŭ ŝanĝebla. Konsilinda estas por certaj klopodoj pli regula koncentrigo de fortoj kaj mono, afero dependa de la organiza stato de nia movado.

### Novaj ideoj

Nenio nova sub suno, oni povus meti kiel titolon. Kaj efektive. Multon oni jam prikonsideris, provis kaj puŝis en praktikadon. Tamen pri iuj eblecoj de utila propagando necesas altiri la atenton.

*Internaciaj manifestadoj ne-esperantistaj :*

Ĝis nun oni kontentiĝis, se tiaj kunvenoj, kongresoj aŭ aliaj manifestadoj faris voĉdonon de rezolucio favore al Esperanto. Tiajn oni povas kalkuli je centoj kaj centoj sen konkreta rezultato ĉar mankis la daŭrigo de la klopodo per interrilato konstanta daŭre frapanta.

Alia formo de agado estas en tiu ĉi sfero, se oni penetros rekte en la koncernan medion, laŭ specife ellaborita plano kaj metodo. Ni ne plu petu subtenon sed ni proponu nian subtenon. Jen la diferenco!

*Tekstoj klarigantaj uzadon :*

Certe, kara leganto, vi jam aĉetis medikamenton internacie konatan kaj vendatan. Aŭ objekton, kiu necesigas klarigon pri uzo. Kaj vi trovis en la kartono. kesto aŭ tubo kelklingvan tekston ofte en dek aŭ eĉ pli da lingvoj. Eble iu memoras folion kiun dissendis la Reklama Servo de UEA antaŭ jaroj al la Delegitoj de UEA. Estis reklamilo de firmo **Gevaert** en **Oude God** apud Antverpeno. La prospekto povas esti modelo. En dudek lingvoj oni klarigis la Ortho-Brom, bromarĝentan paperon por kontaktpreso kaj pligrandigo en fotografado. Ĉiu teksto portis supre la nomon de la lingvo, en la koncerna lingvo mem.

Ne tio nin interesas. Sed la uzado de Esperanto! Eble tio ŝajnas al iuj nenecesa klopodado, aliaj eble trovas, ke ne valoras la penon aldoni al serio da naciaj lingvoj ankaŭ Esperanton, vera cindrulino inter la lingvoj. Tiu ĉi argumentado preteriras la problemon. Kie ajn aperas tekstoj en fremdaj lingvoj, tekstoj direktataj al la publiko, devos esti ankaŭ Esperanto.

Vasta tre vasta kampo malfermiĝas antaŭ ni. Estas laboro kiu ne alportas gloron, kiu postulas sisteman kolektadon da dokumentoj, senripozan marteladon de la koncernaj firmoj kaj entreprenoj kaj ĉefe firman kredon je la utilo de la atingota celo.

*Leksikonoj en naciaj lingvoj :*

Konsultante leksikonon, ĉu anglan, francan, germanan, hispanan aŭ italan, por nur mencii tiujn atingeblajn por la verkinto : pri ESPERANTO oni senescepte vojmontras al Universala Lingvo (Universal Language, Langue Universelle, Weltsprache k. t. p.) Eble, ke iuj leksikonoj en la nomitaj lingvoj aŭ en aliaj nenomitaj, donas sub „ Esperanto " la tutan priskribon, resendante pri la aliaj projektoj sub ĝenerala artikolo de universala lingvo. Necesas, ke oni posedu klare kaj precize verkitan tekston pri la ĉefaj fazoj de lingvo kaj movado, ke tiu ĉi teksto ekzistu en la ĉefaj lingvoj kaj ke fine centra loko sisteme prilaboru la eldonistojn de la koncernaj leksikonoj.

*Kalendaroj, taglibroj k.s.*

Presaĵo kiu penetras ĉien estas la kalendaro. Vi konsentas je tio, ĉu ne? Celas jena ĉapitro la kalendarojn laŭ tipo de la tielnomata « La lama mesaĝero » (Messager boiteux, Hinkender Bote). Oni devus prezenti al la redakcioj je taŭga momento. artikolon pri la internacilingva ideo, ne pure PRO DOMO artikolo, alie oni riskas rifuzon. Tiaj artikoloj kun ilustraĵoj trovos certe dankan akcepton.

### Realigado

La realigado de ĉi-tiuj ideoj postulas sian tempon. Pri la maniero kaj laborprocedo sekvos detala plano. Por la momento sufiĉas jena precizigo : La Propaganda Servo de UEA faras la unuajn laborojn, kolektas la materialon kaj en konvena tempo sin turnos al la kompetentaj personoj kaj organizaĵoj por fari la decidajn paŝojn. Granda parto de tiu ĉi laboro estas kolektakuniga, do oficeja. Utilajn proponojn, sugestojn oni volonte akceptos.

H. H. Kürsteiner.



Universala Esperanto - Asocio

Centra Oficejo : I, Tour de l'Ile, Genève, Svislando

# LITERATURO

## La potenco de l'malbeno

**(Laŭ A. von Gleichen-Russwurm)**

Nur malmultaj « pezaj » vortoj evitas la sorton fariĝi groteskaj, sensencaj, parodiitaj tra la epokoj kaj konservi originan gravecon. Kiel la signifo kiu vivis en ili aperas flaviĝinta, aŭ malpuriĝinta kiel papermono migrinta tra multaj manoj,tiel ankaŭ la plej grava vorto kiun homa penso kaj lingvokapablo formis al si : la malbeno, sekvis la saman vojon de l'eluzo.

Majeste pratempa, terure aperas origine la malbeno, ja eĉ la signifo mem apartenas al la fariĝo de l'homo, ĝi apartenas al la plej gravaj diferenciloj inter homo kaj besto. Ĉiujn ceterajn eksplodojn de kolero homa, konas ankaŭ la besto. Ja la gorilo sin servas de branĉo kiel armilo. Sed eĉ la plej inteligenta besto ne povas (tiom, kiom ni scias) esprimi malbenon same ne la benon. Tiu ĉi ebleco, kiu restas al la senkulpe persekutita homo, se kontraŭulo lin frakasas, ne eksistas por la besto.

Dum plej granda aflikto kun rompita koro, la manoj ĉenitaj, la buŝo fermita, la rigardo jam malplena, la turmentita homo povas mute ĵeti kontraŭ sia torturanto : la malben-preĝon. Kaj tio formis certe ĉe miloj da senkulpaj persekutitoj, enkarcerigitoj la lastan dignon. En profunda kaptitejo, verŝajne ĉiu granda homo persekutita konserviĝis al vivo per la narkotiko de la malbeno.

Tutaj generacioj ekzercis sin en tradicia malamo kontraŭ subpremantoj kaj la subpremitoj trovis en la fiera malbeno, certan liberiĝon kaj konsolon. La heroa grandeco de l'juda gento montriĝis, kiel dokumentas la Biblio, en la senlima kredo al la povo del'malbeno kaj beno de Dio. Kaj ĉar Dio formis la homon laŭ sia bildo, transiris ankaŭ la povo al la malbeno kaj beno de l'homo. La malgranda popolo, ĉirkaŭita ĉiuflanke de malamikoj, pelita en kaptitecon, vendita kaj piedpremita, servis sin de la malbeno kontraŭ la supereco de siaj kontraŭuloj, simile kiel David levis sian ĵetrimenon kontraŭ Goliato. Kun soneganta majesteco rulas la tondro de profetaj malbenoj tra ĝia historio. « Ŝarĝo super Ninivo, ŝarĝo super Babilono », ĝi sonas de ekstataj lipoj el kolerrigida masko. Vere..... Ninivo pereis, pereis Babilono kaj kelkaliaj urboj, trafitaj de la malbeno.

Tia senmezura malamo premisas koron kapablan je plej alta forto. Kaj nur tia koro fine povis formuli la postulon kaj ĝin diskonigi : « Benu tiujn, kiuj vin malbenas », por kontraŭmeti la povon de l'heroa benado al la povo de l'heroa malbeno.

En la antikveco la heroeco de l' granda malbeno sin levas el la ĉiutageco. La homo per tio ne estas plu kaptaĵo, ĉasita kaj dispecigita. Fajrero elsaltas de la viktimo al la ekzekutisto aŭ mortiganto en la malicajn okulojn — la malbeno de l' aĉa ago —. Kaj kiel ajn la homo kondutis, al la malbona ago apartenas la malbeno, ĝi ne povas forpasi, ĝi fariĝas esenco. La greka tragedo konigis unue kion formulis la vorto de Schiller « **Jen la malben', de malbona ag', ke ĝi generas daŭre nur malbonon** ». Lokoj kaj objektoj ligitaj al malbona ago ŝajnas ŝarĝitaj de malbeno en legendoj kaj rakontoj kaj pro tio ankaŭ donantaj malbenon. La etika sento estas dekomence tiom profunde enradikigita, la kredo je justa rekompenso, je dieca puno tiom forta, ke la konvinko de la malbeno kaj de ĝia efiko estas nedisigeble ligata. La malbeno ja estas lasta, malespera, kredema alvoko al la dieco, kie mankas la homa prudento aŭ kie la homa memjusteco putriĝis, tiel ke al la senkulpe suferanta homo ne plu estas eble spiri. En tia sufokiĝo la lasta spiro pene fugas en malben-preĝo al Dio.

La majesto de tiu ĉi grava signifo kaj vorto iĝis ridinda, eta. Ĝi malaperis kun la forta kredo kaj la malforteco de l' malbeno pruvis la malfortecon de l'kredo. Tiu ĉi origino de malbeno — la alvoko al dio aŭ al dioj — tute forgesiĝis kaj en ordinara kverelado la malbeno fariĝis blasfemo senpripense uzita. « **Corpo de Bacco** » blasfemas la kristana italo, senpense ke tiu ĉi apelacio al la korpo de l'antikva dio iam estis potenca malbeno, kiu alvokis la furiojn, la bañantinojn kaj iliajn skurĝilojn. La germano diras « **sakra, sakra** », kaj ne konsciiĝas, ke tiu ĉi tre kuranta parolaĵo devenas de la alvoko de l'sankta sakramento. La anglo uzas la esprimon « **damn'd** » ne konsciante plu ke ĝi signifis « estu malbenita » kaj ke ĝi estis uzita de la puritanoj laŭ la malnova-testamenta senco por laŭvorte detrui la kontraŭulon. (Goddam)

Dum la 18a jarcento fariĝis moda la bonkora malbenado brueganta, kiu treege malproksimiĝis de la okulta sorĉado. Ĝi formis specon de mondlingvo por la vojaĝistoj, la Esperanto de l'insultoj en la rilatoj kun la hotelmastroj, veturigistoj, subalternaj aŭtoritatoj nenion komprenantaj, kontraŭ ĉiu speco de malsaĝeco kaj de ekspluatado. Vojaĝlibro el tiu ĉi epoko de utile kruda malbenado dediĉas tutan ĉapitron en pluraj lingvoj « **kiel oni devas malbeni** ». La aŭtoro asertas ke lia recepto estas efika, ĉar la homoj estas malkuraĝaj, eĉ tiom malkuraĝaj kiom impertinentaj kaj antaŭ forta malbeno ili kliniĝas kaj lasas bonulon en paco. Por tia speco de malbeno necesis epoko kiu havis tempon. La nia ne plu bezonas tian Esperanton, kiu produktis la plej strangajn vortkombinojn, kuriozajn lingvo-monstraĵojn, kriantajn kaj klakantajn.

Sed fermiĝas la ringo kun la pratempo de l'homaro. Troviĝas interligoj al la primitiva epoko kaj mistikaj influoj serĉas enpenetri ĉien. Ŝajnas do ne ekskludite, ke subpremitoj kaj persekutitoj senkulpaj kaj sennombraj, kiuj falis en la despotismon de sennomulo, de la subhomeco kaj de l'malhomeco, al la torturo de la paragrafoj, al la infera sorĉludo de nekomprenataj financpotencoj, serĉas lastan fieron, lastan liberon en la malben-preĝo, kaj trovas ĝin, kaj kelkia Ninivo de la nuntempaj potenculoj, sin kredante senmorta, povas esti jam submergata, de justaj malbenoj,

Trad. Fr. Hayotte.

---

## La paco

**Eldiroj, kiuj meditigas**

*La milito estas anakronismo. Iun tagon oni venkos sen kanonoj kaj sen bajonetoj... Kiu maltrankiligas la pacon de Eŭropo, tiu celas la civilan militon. Ke la reĝoj konsciiĝu : Ne estas plu kaŭzo en Eŭropo daŭrigi la malamon inter la nacioj.*

*(Napoleon).*

***

*Mi konsideras ankaŭ sukcesan militon kiel malbonon, kiun la arto de ŝtatgvido klopodu ĉiam eviti al la popoloj.*

*(Kanceliero Bismarck, en cirkulero al la deputitoj de la Nordgermana Ligo 1870)*

***

*Kaj fine venkas nur la pasio de memkonservado. Sub ĝi fandiĝas kiel neĝo en la suno la tielnomata humaneco kiel esprimo de miksaĵo de idioteco, malkuraĝo kaj imagita superscio. Dum eterna batalo grandiĝis la homaro — en eterna paco ĝi pereus.*

*(Adolf Hitler « Mein Kampf »).*

***

*Amu la pafilon, estimu la maŝinpafilon, kaj en tiu-ĉi sekvo de sentoj ne forgesu la ponardon.*

*(Mussolini, parolado 1930).*

---

# Dum la aŭgusto de nia jubilea jaro, kolektiĝos en Varsovio, tutmonda samideanaro

## EL REGNO DE EŬTERPO

**Redaktas: Hiller Sakaria, diplom. muzikartisto, Tallinn**

La Brita Nacia Instituto por la Blinduloj estas ricevonta el la fundo Pilgrim Trust, donacon de 500 funtoj jare dum tri jaroj por la preparo de parolantaj libroj (gramofondiskoj kun la tekstoj de tutaj libroj). Rekomendataj estas por surdiskigo dek verkoj, inter ili « Historio de Eŭropo » de Fisher (ankaŭ ekster Britujo ofte legata verko), biografio « Luther » de Lindsay, « Edvardo la Sepa » de André Maurois, « Naturscienco en la moderna mondo » de Whitehead. Kiam malavara donaco feliĉigos la multajn blindajn esperantistojn per tiaj interesaj kaj utilaj parolantaj libroj ?

⁂

La unua francuja tutlanda Kongreso de muziko estos organizata okaze de la tutmonda ekspozicio en Parizo de la 16. gis 19. de junio. — Dum la ekspozicio okazos ankaŭ diversaj aliaj muzikentreprenoj : koncertoj, operprezentadoj, konkuroj de deko da nacioj ktp.

⁂

Toscanini farinta kontrakton kun la magistrato de Novjorko pri dek koncertoj tie gridotaj fine de 1937 kaj komence de 1938 ricevos por 10-20 hora direktado (plus ioma ekzercotempo) unu milionon da fr. frankoj.

⁂

Internacia konkuro de violonvirtuozoj, dediĉita al la memoro de la eminenta belga violonisto Eugène Ysaye okazos dum Pasko en Bruselo.

⁂

Pierre Maurice ĵus mortis en Svislando. Li estis eminenta svisa komponisto, nask. 1868, studinta ĉe Lavignac, Massenet, Fauré, kreinta simfonian muzikon, operojn kaj aliajn verkojn.

⁂

La Brusela filharmonia orkestro prezentis gvidate de Albert Wolff simfonian poemon « Noktobirdoj », komponitan de talenta belgo Francis de Bourguignon sub la impreso de belgaj militaj aviadmanovroj.

⁂

La somerkursoj de Salzburg'a Mozarteum funkcios ĉi-jare de la 21. de julio ĝis 6. de sept. — Samtempe okazas en Salzburg klasikaj operprezentadoj, gvidataj de Toscanini k. aliaj eminentuloj !

⁂

En Vieno estas fondita « Johann-Strauss-Societo » (prezidas la konata komponisto kaj direktanto Felix Weingartner).

⁂

La registaro de Meksiko nuligis la konvencion pri defendo de aŭtor- kaj prezentrajtoj.

⁂

La belga radiorkestro (gvidas Franz André) oftete disaŭdigas nuntempan muzikon. Estas disaŭdigitaj « Mathis la Pentristo » de Paul Hindemith, koncertanta simfonio de Tansman, « La morto de Tirano » de Darius Milhaud» « Oidipos la reĝo » de Strawinsky. La 3-an de februaro oni disaŭdigis kvin orkestroverkojn de Bela Bartok.

⁂

La mondfama rusa oper-baso Fjodor Ŝaljapin planas fondon de rusa opertrupo en Aŭstrio.

⁂

Abato Joseph Dagand fondinto-direktinto de la Schola Cantorum de Arles (Francujo) mortis 66-jara. Li havis grandajn meritojn pri la kulturo de franca religia muziko.

⁂

La Usona senato pridecidas noveldonotan leĝon pri ĉesigo de laboro de eksterlandaj muzikartistoj en Usono. La leĝo estas ja komprenebla kiel rimedo por kontraŭbatali la mizeron de la amerikaj muzikistoj, amase, je miloj, senlaboriĝintaj sekve de sonfilmo kaj radio. Tamen ĝi signifas ankaŭ tre senteblan malaltigon de la nivelo de la Usona muzikkulturo.

⁂

Ĉe la Novjorka koncertsalonego Carnegie Hall oni malfermis luksan tesalonegon, kie vizitantoj malfruintaj al koncerto laŭ gramofondiskoj freŝaj povas aŭskulti la netrafitan parton de la koncerto.

⁂

La intereso pri la eŭropa muziko estas en Japanujo tre vigla. La imperiestra akademio en Tokio dum la pasinta jaro aranĝis koncertojn kies programoj enhavis la Meson de papo Marcelo (de Palestrina), verkojn de Lully, Rameau, Vivaldi kaj Wagner.

⁂

En la salono de la civila registrejo de la Lyon'a urbodomo estas instalita laŭtsonigilo por konvena gramofonmuziko, akompananta la ceremoniojn geedzigajn. Tia instalaĵo ekzistas en alia urbodomo proksime de Parizo jam de deko da jaroj. Estas tre dubinde, ĉu ĉiuj geedziĝontoj ŝatas tian mekanikan « bonsonadon ».

⁂

Dum la festotagoj okaze de la kronado de la angla reĝo en la Londona operdomo Covent Garden gaste direktos operojn germana, itala kaj franca eminentuloj : W. Furtwängler la tetralogion de Wagner, C. Formichi-Otella'n kaj Falstaff'on de Verdi kaj Albert Wolff Peleas kaj Melisanda'n de Debussy, Ariana'n de Massenet.

⁂

La klasika marŝo de Nibelungoj de Wagner ludita dum la lasta nacisocialista kunvenego en Nurnbergo, estas de S-ro Goebbels, Ministro por Propagando, deklarita oficiala muzikaĵo, ludebla nur dum NS-aj manifestaĵoj.

---

## ORIENTA SAĜO

*Kiu regas devas fari bonon, sen malŝparo ; laborigi la popolon ne ekscitante ĝian malamon ; akiri al si sufiĉan enspezon, sen avideco posedi ĉion ; esti digna, sen fiero ; esti majesta sen krueleco.*

⁂

*Se la gvidanto agas laŭ rajto kaj justo li ne bezonas ordoni la bonon por ke ĝi estu plenumota. Alikaze li povas ordoni fari la bonon, sed ĝi ne estos plenumota.*

⁂

*Kia diferenco estas, inter mortigi homon per glavo aŭ per malbona registaro ?*

⁂

*Dum juneco evitu la ĝuemon, kiel plenkreskulo evitu la koleron, kaj kiel maljunulo la avarecon.*

⁂

*Oni devas kompensi ofendojn per justeco, bonfarojn per bonfaroj.*

⁂

*Saĝulo parolas pripensinte, sed agas rapide.*

⁂

*Saĝulo daŭre timas, ke liaj vortoj superas liajn agojn.*

# MONDA SPEGULO

### Paderewski ludas favore je la senlaboruloj

Paderewski, la mondfama pianisto kaj iama pola ministroprezidanto, kiu vivas en Morges proksime de Lausanne, tre malofte ludas publike. Dum lasta monato li ludis en la katedralo de Lausanne favore je la senlaboruloj de l'Valda kantono. Kvankam la enirprezoj estis altaj, la sorĉisto de Morges altiris tiom, ke la dumil lokoj estis luitaj en tri tagoj. La publiko estis plene sub la impreso de la magia personeco de l'granda majstro, kaj nur la loko kie okazis la koncerto malhelpis bruan ovacion al li.

### Revizio de la historia instruado en USSR

Fervore la komunisma reĝimo en USSR forigis siatempe ĉiujn trajtojn de l'iama cara regado, tiel la malbonajn kiel la bonajn. Sed okazas stranga ŝanĝo. Kiel oni povis legi en la gazeto **Sa Komunistiĉeskoje Prosvjeĉenije** (Por la komunisma edukagado) aperis novaj reguloj por la historia instruado en la sovetaj lernejoj. La metodoj de la ĝisnunaj historiistoj bolŝevismaj kiel Pokrovski, Bucharin kaj Demjan Biedny nun estas senvalorigataj, ĉar ili ĝenerale konsideras la slavojn kaj speciale la rusojn kiel rason de malpli alta kultura grado. La sovetrusaj historiistoj devas de nun prezenti la enkondukon de la kristanismo per princo Vladimiro la Sankta en jaro 988 kiel **« progresan aperaĵon en la historio de la rusa popolo »**. Kaj same oni devos trakti kiel progreson la kunigon de la sendependaj princlandoj sub la regado de la princoj de Moskvo. La batalego de Minin kaj Poĝarski kontraŭ la polaj invadintoj estu montrata kiel epizodo de grava popola movado por la liberigo el pol-sveda jugo kaj kiel komencon de l'estiĝo de rusa naciŝtato. Kaj la sama okazu rilate je la konsidero pri la malvenko de Napoleono 1812. Kaj pri la caroj, devos esti distingata la progresa rolo de caro Petro la Granda.

### Mein Kampf

Unu el la plej disvastigitaj libroj en Germanlando estas sendube la verko de la germana ŝtatgvidanto, Adolf Hitler « Mein Kampf » (Mia batalo).

Al ĉiu edziĝa paro estas transdonata okaze de la edziĝa ceremonio ekzemplero de tiu ĉi verko, je la kosto de l' ŝtato. Kalkulante, ke estas ĉirkaŭ 600.000 edziĝoj jare, tiam « Mein Kampf » atingos disvastiĝon kiel nenia alia libro antaŭe. La libro atingis nun la 231 -an eldonon kaj estis vendita] pli ol 2,5 milionoj da ekzempleroj. La faka gazeto por la germana libro-komerco informas pri la librista sukceso de tiu ĉi verko, kiu aperis en jaro 1925 kun 10000 ekzempleroj kaj je vendprezo de 12 Germ. Mark. Ĝis 1933 vendiĝis 192000 ekzempleroj. Post transpreno de la povo per Adolf Hitler la libro komencis sian triumfan supreniron. Ĝis nun ekzistas tradukoj en ok lingvoj, angla, dana, sveda, hungara, itala, portugala, hispana. Plie en franca lingvo kiu ne estis rajtigita kaj kiu vendiĝas al amatoroj je nekutime alta prezo, Traduko en ĉina lingvo estis anoncita antaŭ unu jaro.

### La plej malnova amerika libro

En jaro 1521 la hispanoj konkeris urbon Mexico aŭ Tenochtitlan. Jam en jaro 1543 aperis presita libro en la Nahuatl la azteka lingvo. Temis pri elmontro de la kristana religio por ĝin diskonigi inter la indiĝenoj. Redaktita en Mexico, ĝi estis sendita al la unua presisto en Hispanujo, Juan Cromberger en Sevilla. Sed tiu ĉi ne trovis korektiston en tuta Hispanujo. Pro tiu ĉi motivo Juan Pablos, tipografo kaj fandisto de literoj, estis ŝarĝita iri Mexico-n kaj presigi sur loko la libron. En tiu ĉi presejo aperis 118 volumoj dum 50 jaroj kaj la **Doctrina Breve** estis la unua. Ĝi aperis do 89 jarojn post invento de la presarto de Gutenberg. Sed tiu ĉi verko estis malaperinta. La sola ekzemplero, kiu troviĝis en la biblioteko de l'imperiestro Maximilian, malaperis post ties ekzekuto. Sed en jaro 1869 la libro reaperis dum publika vendo en Leipzig. Amerika libristo M. Archer Huntington akiris ĝin kaj donacis ĝin al la **Hispana Societo en Ameriko.**

Aperis antaŭ nelonge represo fotografia sed en limigita eldonnombro.

### Fundo Thomas Mann

Sub la nomo **Thomas Mann Fond** kreiĝis organizaĵo por subteni verkistojn elmigrantajn el Germanujo, Ĝi celas per antaŭpago de rimarkindaj verkoj de l'ekzilitoj, helpi precipe al junaj, ankoraŭ ne konataj verkistoj. En alvoko, subskribita de eminentaj verkistoj ĉiulandaj, oni petas subtenon por montrita celo. La alvokon subskribis interalie André Gide, André Maurois, Jules Romain, A. Huxley, H. G. Wells, Ignazio Silone, Upton Sinclair.

### Simpsonomanio usona

Ekzistas en Baltimore, kie naskiĝis la amikino de l'angla reĝo Edvardo VIII, **Klubo de l'amikoj de S-ino Simpson,** kiu kalkulas 6243 membrojn.

Iu Sinjoro Schleisner aĉetis la naskiĝ-domon de S-ino Simpson kaj transformis ĝin en muzeon. Oni vidas ĉion kio rilatas ŝian vivon. Marioneta teatro, speciale aranĝita, elvokas la lastajn okazintaĵojn. S-ro Baldwin, la ĉefministro, kaj la anglaj episkopoj ludas la rolon de diabloj.

### Armigado kaj prezoj

La freneza dancado de l'armigado intensiĝas. Kaj la sekvoj anonciĝas kun logiko ne fordisputebla. Post konigo de la brita programo de armigado, supreniris la prezoj por ĉiuj metaloj. Hodiaŭ ekzemple la kupro notas 75 % stano 35 %; plumbo 100 % kaj zinko ankaŭ 100 % altiĝon kontraŭ la prezoj de antaŭ ok monatoj. Estas sen ia dubo, ke ni iras al ĝenerala altiĝo de la prezoj por ĉiuj vivbezonaĵoj kaj ankaŭ al nova periodo de ekonomia konjunkturo. Estas plendinda stato, ke tiu ĉi konjunkturo ne dankas sian devenon al valorkreantaj celoj, sed al la kontraŭo.

### Malnova testamento

La registaro de la germana ŝtato Anhalt dekretis, ke la Malnova Testamento, kiu montras la tipe judan spiriton, estu uzota de nun dum religia instruado laŭ prudenta elekto, speciale se rassciencaj demandoj tion postulas.

## La Rana Krono

**(Ezop-imita fablo)**

*En la antikva Britanio,*
*Apud Tamesa[1] Londinio,[1]*
*Vilaĝo kelta en kvieto*
*Vegetis pace ĉe lageto.*
*Trankvile vivis Tamesanoj,*
*Nur iom ĝenis ilin... ranoj,*
*kvakantaj laŭte kaj senĝene:*
*Dumnokte, tage, kaj matene...*
*Finfine ĉefa vilaĝano*
*Parolis al la ĉefa rano:*
*— Tro brua estas via gento,*
*Kaj ni sopiras pri silento...*
*Vin mem, verŝajne, vi admiras,*
*Sed ni trankvilon nur deziras !*
*Responde kvakis la ranego:*
*— Aŭskultu, ho, la hom-kolego,*
*Vi scias ja ke nia lago*
*En centro staras de l'arkipelago,*
*Kaj siavice ĝin ĉirkaŭas ondo,*
*Do, fine, ni ja estas*
*Centr' de l'mondo !*
*Pro tio ni kvakegas, bruas,*
*Palacon decan ni konstruas*
*Por la venonta nia reĝo,*
*Fondonto de la rana leĝo !*
*— Sed ĉu vi pensas pri la krono,*
*Kaj pri la reĝa or-blazono ?*
*Demandis ruza vilaĝano*
*Al la fiera rano.*
*— Se ne, ĝin faros lerte*
*Nia or-forĝisto, je konto*
*De la rana civil-listo !...*
*Ĝojege akceptiĝis la propono,*
*Kaj tuj pretiĝis la reĝ-krono:*
*Ĝi estis bela ran-kaptilo*
*El flavaj vergoj, kun kovrilo...*
*Admiri kronon ĉiuj ranoj salteniris,*
*Kaj vilaĝanoj ilin tuj eltiris*
*Per longa kordo, en konkordo,*
*Kaj tiel finis por multjaroj*
*La ran-kvakad'ĉe la najbaroj.*
*Ivan Skit.*

[1] Aŭtentikaj nomoj, laŭ latina formo.

# LINGVO KAJ VIVO

## Evoluo de Esperanto

**Kritik-historia skizo de Petro Stojan**

V.

*(sekvo)*

Do, okulvideble, la landforma reguleco kreskas de okcidenta Eŭropo, tra Mezeŭropo, ĝis Rusujo, kie ĝi atingas maksimumon.

### Duobla vizaĝo de Esperanto

Junulo Zamenhof komencis fabriki apriorajn (arbitre elpensitajn) lingvojn, kaj fine publikigis aposteriorian sistemon, Lingvo Internacia, bazitan sur ekzistantaj lingvoj. En tiu longa varia laboro, li ne ĉion detruadis, transirante al novaj formoj; sed en ĉiu plua paŝo konservis iomete el la antaŭa. Atenta esploro de la Unuaj Libroj tion evidentigas, almenaŭ por la lastaj redaktadoj de Esperanto. Kiel patro, li amis siajn ideo-idojn, kaj tre nevolonte forlasadis ilin, eĉ kiam ĉiuj motivoj pledis kontraŭ ili.

En la alfabeto li estis revoluciulo, forjetante la internaciajn q, x, y, w (sen kiuj oni ne povas skribi pri matematiko, kemio, maraferoj, geografio, komerco k. a.), kaj enkondukante originalajn supersignitajn literojn. Sed en la radikaro male li estis konservemulo; li ne adoptis la modernajn evoluaĵojn de la vivo, kiu kondukis de la grek-latinaj: *historia, homo, sanctus, fructus*... al la pli elastaj: *istoria, om, sant, frut*... (kiujn ni trovas sub variaj formoj en la franca, rusa, itala, rumana k.a.). Malrespekto por la alfabeto, kaj troa respekto por la klasikaj malnovaĵoj.

Principe, la formoj de la radikoj bazis sur la komparo de pluraj lingvoj. Sed, escepte enŝoviĝis formoj mallarĝe naciaj, apartenantaj nur al unu lingvo, aŭ al unu grupo da lingvoj. *Bird* estas malpli internacia ol *avi, hund* ol *dog* kaj *kyn, ŝton* ol *ston* aŭ *sten, ĉeval* ol *kaval, ŝultr'* ol *epol, ŝuld* ol *deb, plaĉ'* ol *plez* k.a. Latinaj vortoj estis adoptitaj kun troa fido je ilia internacieco, sen kontrolo: skolop (bekas), meleagr (dind), sankt (sant), vetur (veh), anser (gans), dolor (dol), krur (gamb), okul (ok)...

Alispeca kontrasto estis tio, ke apud la pia transkribado de pezaj latinaĵoj, la aŭtoro sakrilegie tranĉis vortojn, kiuj ne kontentigis lin iamaniere: ok (oktobro), naŭ (novembro), nepre (nepremenno)..., revolucie transformis ĝenajojn: faruno (farina), poŝto (post), bufedo (buffet)... kaj eĉ malsimpligis vortojn pro la principo de reguleco: baldaŭ (bald), hodiaŭ (hodie), hieraŭ (hier).

### Influo antaŭaj lingvo-projektoj

En 1880, kiam aperis Volapŭk, jam laboris juna Zamenhof, farante kaj refarante diversajn formojn de « Lingwe Universala », « Lingvo Universala » k.a. Dum sep jaroj, kiuj pasis intertempe, antaŭ la publikigo en 1887 de sia definitiva « Lingvo Internacia », li koniĝis kun la kreaĵo de Schleyer (frukto de nur unujara laboro), kun ĝiaj virtoj kaj mankoj, kun la manieroj propagandi. Li vidis en ĝi potencan rivalon, ne suspektante ke ĝi estis « koloso sur argilpiedoj », kiu devis fali jam pro siaj internaj ecoj, eĉ sen ekstera ŝoko. Certe, Zamenhof konscie evitis ripeti la erarojn de Schleyer, faris « alie », ne imitis la karikaturon de lingvo. Sed, senvole, li ne povis absolute liberiĝi de ĉiuj ĝiaj influoj, kaj iometa kvanto da « volapŭkaĵoj » reaperas en Esperanto, sub alia formo. Estonta studemulo eble entreprenos esplori tiun delikatan punkton.

Tamen, antaŭ ol aperis Volapŭk, la aŭtoro de Esperanto jam konatiĝis kun kelkaj el la dude ko da lingvo-projektoj, jam publigitaj; precipe kun tiuj kiuj estis en bibliotekoj de Varsovio kaj Moskvo. Almenaŭ, laŭ la konata « Grand Dictionnaire Universel » de Larousse (vol. X & XVL, 1873 & 1878), li povis koni la projektojn de Faiguet, Grosselin, Courtonne k.a. La verko de De Ria (1788), eldonita en Peterburgo, ne estis konata al okcidentanoj, sed en Ruslando ĝi troviĝis en ĉefaj bibliotekoj. Estas rimarkinda la flua sonoreco de tiu lingvo, kiu eble sugestis al Zamenhof la substantivan finaĵon *-o*. (Vidu en la *Bibliografio de Internacia Lingvo*, paĝo 471, el kiu ni tiras jenan frazeron: « Katriemo figuro kompa doz linio egalo... »). En la aldona volumo de Larousse (1887) ni trovas la sciigon pri la « lingvo internacia » de F. Reimann, en kiu la tri verbaj tempoj estas signataj per *a* (pasinto), *i* (estanto), *o* (venonto). Krome, la « langue internationale » de Courtonne (1875-1881) entenas multajn vortojn, kiujn ni nun uzas en la sama aŭ preskaŭ sama formo kaj senco: arbo, fago, nuxo, fruqto, dum, por, sed, sub, qe, disqo, avo, urso, fumo, en (jen) k.m.a. En siaj unuaj provoj, Zamenhof uzis la nomon « lingvo universala », kaj fine, li subite ŝanĝis ĝin je « lingvo internacia ». Ne estas neeble ke tiu definitiva nomo venis kiel influo de la lingvoj de Reimann kaj Courtonne, ekkonitaj de Zamenhof lastmomente.

La aglutina strukturo de Esperanto, kiu donas al ĝi iom da azia naturo (kiel en tatara, turka, japana lingvoj), t.e. la nevariebla radikoj kaj afiksoj, kiuj kombiniĝas nesanĝante sian formon, — tiu strukturo ne estis elpensaĵo de Zamenhof, nek influo de iu azia lingvo. La aglutina strukturo estis malnova ideo de pasigrafioj kaj aprioriaj lingvoj, kiuj adoptis kiel absolutan aksiomon, ke la artefarita lingvo estu regula ne nur en sia gramatiko, sed ankaŭ en sia vortaro kaj radikaro. La aŭtoro de « Langue Internationale » (1875), E. Courtonne (Rouen) kiu diras ke li jam en 1827 komencis labori pri « simpligita lingvo », formulas en la gramatiko de sia « nova » lingvo jenan regulon: « Ĉiuj elementoj de niaj vortoj... estas konsiderataj kiel radikoj. Tial, la finaĵoj, la afiksoj, la prepozicioj, kaj eĉ kelkaj interjekcioj servis al ni, kiel radikoj por formi substantivojn, adjektivojn, verbojn kaj adverbojn.» Courtonne formas siajn vortojn el nesanĝeblaj elementoj, absolute kiel tion faris Zamenhof dudek jarojn poste. Ankaŭ Zamenhof diras ke « la gramatikaj finaĵoj estas konsiderataj kiel memstaraj vortoj » (Fund. Gram. 11). Courtonne regule formas siajn vortojn: islo (insulo), islado (insularo), lago (lago), lagulo (lageto), dis (dis), disar (disigi), survesto (palto, surtuto), sanisto (kuracisto), sanasto (ĉarlatano), sanisma (medicino). Adoptinte la principon, ke ĉiuj radikoj devas esti unusilabaj, Courtonne kripligis preskaŭ ĉiujn internacie konatajn radikojn. Same faris poste Schleyer. Zamenhof sukcesis precipe pro la natura aspekto de la radikaro. Legante la unuajn 40 paĝojn de la verko de Courtonne (1875), kie li donas ĝeneralajojn, principojn kaj klarigojn pri la lingvo artefarita, oni plurfoje estas mirigita, trovante esprimojn kiuj preskaŭ laŭvorte ripetiĝas poste ĉe Zamenhof en liaj unuaj broŝuroj (1887-1889). Se nia majstro inspiriĝis el Courtonne, almenaŭ por kelkaj punktoj, Courtonne inspiriĝis de Rambosson, Letellier, De Rudelle kaj Grosselin, kiuj siavice estis spiritaj idoj de Vater, Maimieux, Delormel, Faiquet kaj de la granda Leibniz — kiu almenaŭ ne kaŝas kiel ĉiuj liaj posteuloj — ke li influiĝis de Wilkins, Kircher, Lull kaj mezepokaj kabalistoj.

# Kiel pensas kaj sentas la samideanoj pri UEA ?

## LA VOĈO DE L'POPOLO

*El la centoj da gratuloj pri la konservo de la Centro de UEA en Genève ni represas tie ĉi nur kelkajn el Polujo, presitajn jam sur enlanda cirkulero, dissendita de la pola ĉefdelegito de UEA, S-ro J. Ŝapiro.* (Red.)

### Jubileo aŭ kompromito ?

En la tempo, kiam la Esperantistaro de Polujo preparas por Aŭgusto n. j. imponan Jubilean Universalan Kongreson por inde festi la 50-an datrevenon de la apero de Esperanto sur pola tero, la gvidantoj de internacia Esperanta movado faris skismon kaj eksemis malpacon inter la Esperantistaro.

Ne atentante la statuton ili decidis transporti la Centran Oficejon de UEA de Ĝenevo al Londono, donaci ĝian riĉan bibliotekon al la Internacia Esp. Muzeo en Vieno ktp. UEA laŭ tiuj decidoj estus *dispeciĝita*.

Kiam la kontraŭstatutaj decidoj estis nuligitaj de svisa tribunalo, la gvidantoj simple forĵetis UEA, kiel nebezonan ĉifonon kaj fondis « konkurencan » asocion en malgranda urbeto apud Londono.

Novaj neakceptindaj metodoj estis enkondukitaj. Anstataŭ labori por Esperanto oni foruzas la energion por bataloj inter Esperantistoj.

UEA tamen ne pereis. Ĝi vivas kaj denove laboras. Konforme al la postuloj de la leĝo, gvidas ĝin Provizora Komitato, kiu cedos sian lokon al la laŭstatute elektota estraro. La elektoj, kiujn partoprenos la tuta Delegitaro, baldaŭ okazos.

UEA, la malnova, bonkonata organizaĵo de Esperantistoj, havanta sian sidejon en la urbo de Ligo de Nacioj, Internacia Laboroficejo, Internacia Ruĝa Kruco kaj multaj aliaj internaciaj organizaĵoj, daŭrigas sian laboron. Depost Januaro n. j. la gazeto « Esperanto » lastatempe malzorgita, aperas *dufoje* en la monato kun interesa enhavo. Novembra kaj decembra numeroj bonorde aperis. Jubilea Jarlibro, kiun — kiel kutime — ricevos senpage ĉiu membro, estas jam redaktata kaj baldaŭ aperos. Ĉiuj servoj de UEA regule funkcias. La premioj de frupago, tiel ŝatataj de la Esperantistaro, estas dissendataj al ĉiu membro tuj post ricevo de lia aliĝo kun indiko pri lia elekto.

De ĉiuj flankoj de la mondo alvenas leteroj kun gratuloj pro neniigo de atenco je vivo kaj disvolviĝo de UEA, Eminentaj agantoj de nia internacia movado, i.a. F-ino Lidja Zamenhof, Julio Baghy, k.a. en siaj artikoloj en la Esperanta gazetaro akre protestis kontraŭ la skismo kaj montris la neceson subteni UEA.

Vi trovos post tiuj - ĉi linioj la opiniojn de eminentaj Esperantistoj de Pollando pri la situacio. Mi ne bezonas ion ajn aldoni al tiuj opinioj. Ili klare diras al vi, kion vi devas fari :

Ĉiu konscia Esperantisto ekstaru en la vicoj de granda UEA-armeo. Ĉiuj aliĝu TUJ al UEA ! En la jubilea jaro ni faras bilancon de niaj fortoj. Propagandu por UEA kaj por la Jubilea Kongreso !

Ni deziras indan Jubileon, sed ne kompromiton de la Esperanto-Movado.

J. Ŝapiro, *Ĉefdel. de UEA.*

### Restu en kadroj de malnova UEA !

Kiel malnova Esperantisto, enirinta kadrojn de Varsovia Esperanta movado en 1906-a jaro, do en la tempo, kiam en Varsovio agis la Majstro mem, Liaj fratoj kaj Liaj plej proksimaj adeptoj, kiel Grabowski, Zakrzewski, Bein, Brzostowski, Belmont, Günther kaj multaj aliaj, mi sentas moralan devon esprimi antaŭ vi mian opinion pri nuntempa krizo en Esperantujo.

Certe vi jam scias ke oficialaj gvidantoj de UEA en nekutima kaj kontraŭstatuta maniero forlasis siajn postenojn en Ĝenevo kaj fondis en Londono novan organizaĵon IEL. Tiu aĝo intencas disbati kaj mortigi UEA, la plej gravan nian tutmondan organizaĵon, kiu ja ekzistas de 1908-a jaro.

Sed fidela Esperantista popolo tion ne allasos. Per ĉiuj siaj fortoj nun ĝi subtenos UEA kaj ŝirmos ĝin kontraŭ la atakoj. La ricevitan vundon flanke de IEL — UEA jam sanigas : ĝi restarigis Provizoran Komitaton, denove eldonas sian gazeton « Esperanto » kaj organizas kutimajn servojn por siaj membroj. En tiu momento neniu konscia kaj fidela Esperantisto en Pollando subtenu fremdajn kaj *Konkurencajn* organizaĵojn. Kontraŭe, ĉiu restu en kadroj de malnova UEA. Tion postulas de vi Esperantista konscienco, do, restu fidelaj !

D-ro Jan Medrkiewicz,
Prezidanto de Pola Esp. Asocio Lublin, Honora Membro de Pola Esp. Asocio Lublin kaj de Lodza Esperanto-Societo

### Forigu la miskomprenon !

Mi restas en la kadroj de UEA, al kiu mi apartenas jam de multaj jaroj, kaj deziras, ke la miskompreno, kiu okazis inter ĉefuloj kaj la Ĝeneva centro kiel eble plej rapide estu forigita.

D-ro Antoni Czubrynski, L.K.
Aŭtoro de « Esperantyzm ».

### Plej akra komdamno

Necesas energia laboro por klarigi la veran situacion al tiuj, kiuj ne sukcesis ankoraŭ kompreni la lastajn misokazintaĵojn.

Mi persone opinias, ke la agado de la ĝisnunaj gvidantoj, celanta mortigi UEA, meritas plej akran kondamnon flanke de ĉiu konscia Esperantisto.

Fondo de ilia IEL neniel povas esti traktata serioze 1) pro manko de iu-ajn laŭleĝa ekzistobazo en formo de statuto aŭ almenaŭ iu-ajn regularo kaj 2) pro nefidindeco de ĝiaj gvidantoj, kiuj ignoras elementajn principojn de juro.

Czeslaw Pruski,
Magistro de juro, Delegito de UEA en Lublin.

### Donu vian manon al UEA

Inter UEA kaj IEL la esperantistoj vagas senorganize, ne atentante, ke ŝanceliĝado inter du fostoj minacas la ŝanceliĝanton fali. Kiun el la du fostoj ekkapti kaj sin teni je ĝi ?

Kompreneble la pli malnovan, profunde radikantan en la verda tero de Esperanto.

Ne ŝanceliĝu plu, sed donu vian manon al UEA.

D-ro Leopold Dreher, L.K.

### Ripetado de eraroj

*Errare humanum est.* Grandaj homoj faras eraron.

Sed ripetadi erarojn — estas jam speciala eco de malsaĝaj.

Antaŭ kelkaj jaroj « edziĝis » KR kun UEA... Kaj tio estis eraro. La organizaĵo « individua » ne evidentiĝis vivpovon en unu institucio kun la organizaĵo « societa ». La « geedzoj » — devas disiĝi.

UEA devas disiĝi de KR (aŭ-kiel vi volas-de IEL) UEA ne povas ekzisti sur alia bazo — nur sur individua. Kaj tial la foriĝon de IEL ĉiu fidela UEA-ano devas akcepti kun ĝojo.

Ĉu elekti UEA aŭ IEL ?

Por mi tute ne ekzistas tiu demando. UEA — devas resti, vivi kaj — ni esperu — flori.

IEL povas ankaŭ ekzisti, sed... ne kontraŭbatali UEA, same kiel UEA ne kontraŭbatalas IEL-on).

Kiaj riproĉindaĵoj ekzistas kontraŭ UEA ?

Oni ne forgesu, ke ne kontraŭ la organizaĵo UEA ekzistas la riproĉoj, nur kontraŭ la gvidantoj (ĝisnunaj). Kaj se ili volas riproĉi — do nur tiujn.

Kaj ĝuste ili loĝas nun en IEL. Ankaŭ mi ja protestis (eĉ publike) iam kontraŭ UEA... Nur tiu ne eraras, kiu nenion faras. Jes, UEA ne unu fojon eraris.

UEA ne povis, ne erari. Ĝi tro multe faris.

IEL (ree : nur la organizaĵo ne la gvidantoj) ankoraŭ ĝis nun povis ne erari.

UEA — vivu, kresku kaj floru !

Edvardo Wiesenfeld, L.K.

## 29-a Universala Kongreso de Esperanto

### La Jubilea Kongreso

**Varsovio (Warszawa) 7-15a de Aŭg. 1937**

*Ni represas tie ĉi cirkuleron ricevitan nur dum preso de la dua numero de Februaro. Ĝia enhavo indas esti konata de ĉiuj samideanoj.* (Red.).

* *

En la nuna malfavora por nia movado tempo la tutmonda esperantistaro solene festos la Oran Jubileon de Esperanto-ekzistado. Dum kvindek jaroj dank' al laborado, penadoj kaj klopodoj de miloj da nekonataj pioniroj, oferemaj idealistoj, la esperanta movado disvastiĝis ĉiam pli, kreinte multajn konsiderindajn valorojn kaj kulturajn trezorojn.

Por brile kroni la Jubileon de Esperanto okazos en Varsovio ĉi-jare la Universala Kongreso. Ĉe la tombo de nia neforgesebla Majstro kolektiĝos la reprezentantoj de multaj popoloj, kiujn la genio de Zamenhof kunligis per unu lingvo komuna.

Ĉu troviĝas en la vasta mondo Samideano, kiu ne dezirus klini la kapon antaŭ la cindroj de la Majstro ? Ĉu ekzistas Samideano, kiu ne volus konatiĝi kun la urbo, en kies muroj verkis kaj laboris la Majstro kaj liaj unuaj fidelaj disĉiploj, Grabowski, Zakrzewski k.a. ?

Kara Samideano ! Tiu ĉi kongreso devas esti potenca demonstracio de nia movado kaj forta pruvo al la indiferenta mondo pri nia ekzisto. La kongreso tamen estos impona, se ĝin partoprenos kiel eble plej multe da Samideanoj. Tial ne hezitu kaj aliĝu tuj al la Jubilea Kongreso en Varsovio ! Se Vi mem ne povas ĉeesti nian Feston Tutmondan, zorgu, ke almenaŭ aliaj Samideanoj veturu al Varsovio. La Loka Kongresa Komitato klopodas pri diversaj aranĝoj kaj penos kontentigi la karajn gastojn. Via devo estas partopreni *La Jubileon* por manifesti nian volon kaj deziron marŝi antaŭen ĝis la venko de nia ideo.

Kara Samideano ! Varsovio, la ĉefurbo de Polujo, Varsovio, la lulilo de Esperanto-Movado, Varsovio, la eterna ripozejo de nia Majstro, plej kore invitas Vin !

*Por Loka Kongresa Komitato*

Leo Belmont,
D-ro Adam Zamenhof,
D-rino Zofja Zamenhof,
Bronislaw Wyszynski,
D-ro Wilhelm Róbin,
Kazimierz Zajaczkowski,
Aleksander Hartman.

## Oficiala Informilo de UEA : N-ro 5

**1937 Marto 29-a Jaro**

*Premioj al frupagintoj.*

Sekve de la malklareco, reginta ĝis plena reaktivigo de la UEA Centro, multaj samideanoj atendis realiĝi, kaj sekve profiti de la premio de frupago. Por bonigi tiun ĉi fakton, la rajto ricevi tian premion estas plilongigata ĝis *31 Marto 1937.*

*Respondkuponoj de UEA.*

Ni memorigas, ke la ankoraŭ cirkulantaj respondkuponoj kun dato surpresita 31 Decembro 1935 estas reakceptataj de la C.O. de UEA ĝis 30 Junio 1937. (Vidu informon en la Of. Informilo, n-ro 3, Jan. 1937).

*Ekspozicia Servo de UEA*

Liveras kontraŭ nura repago de la propraj kostoj fundamentan materialon por Esperanto - Ekspozicio. Pezo : 5 kgr. Kosto 20 Frk. sv. (En Svislando 15 Frk.).

*Ĉefdelegitoj*

Estas nomitaj kiel Ĉefdelegitoj provizoraj :

Usona : S-ro Joseph Dubin, 646 Westview Street Philadelphia (Penn).

*Jarlibro 1937*

Estas en kompostado. Kiel ni jam informis, ĝi estas jubilea jarlibro kun variaj artikoloj pri la movado, historio, pioniroj, organizo faktoj, okazintaĵoj. La tekston akompanas multaj ilustraĵoj. Ĝi ampleksos 224 ĝis 256 paĝojn. Ĝi aperos dum Majo, sub rezervo de teknikaj malhelpoj.

### Preztabelo 1937

| Lando : | Mono : | M | MA | MS |
|---|---|---|---|---|
| Argentino | Pes. | 2.50 | 8.25 | 20 |
| Aŭstralio | Ŝil. | 4 | 10 | 25 |
| Aŭstrio .. | Ŝil. | 4 | 10 | 25 |
| Belgujo .. | Frk. b. | 16 | 40 | 175 |
| Brazilo... | Milr. | 12 | 30 | 80 |
| Britlando | ŝil. | 4 | 10 | 20 |
| Bulgarujo | Lev. | 80 | 200 | 500 |
| Ĉeĥoslov. | Kĉ. | 20 | 50 | 125 |
| Ĉinujo ... | Dol. | 3 | 7.50 | 20 |
| Danlando | Kr. | 4 | 10 | 25 |
| Egipto .. | Ŝil. | 4 | 10 | 25 |
| Estonio .. | Kr. | 2 | 5 | 20 |
| Finlando . | Fmk. | 40 | 100 | 250 |
| Francujo . | Frk. Fr. | 15 | 40 | 125 |
| German. | Gmk. | Jara abono : 6 Gm | | |
| Greklando | Dr. | 100 | 250 | 800 |
| Hispanujo | Pes. | 8 | 20 | 50 |
| Hungar. . | Peng. | 4 | 10 | 25 |
| Italujo ... | Lir. | 12 | 30 | 90 |
| Japanujo. | Jen. | 3 | 8 | 15 |
| Jugoslavio | Din. | 30 | 100 | 200 |
| Latvio ... | Lat. | 4 | 10 | 20 |
| Litovio .. | Lid. | 8 | 20 | 40 |
| Nederland. | Guld. | 2 | 5 | 10 |
| Norvegujo | Kr. | 4 | 10 | 20 |
| Novzeland. | Ŝil. | 4 | 10 | 25 |
| Polujo ... | Zlot. | 5 | 12.50 | 25 |
| Portugal.. | Esk. | 15 | 40 | 100 |
| Rumanujo | Lej. | 100 | 250 | 800 |
| Svedlando | Kr. | 4 | 10 | 20 |
| Svislando | Frk. | 4 | 10 | 20 |
| Urugvajo | Pes. | 2.50 | 5 | 20 |
| Usono (Kanado) | Dol. | 1 | 2.50 | 5 |

### — Korespondado —

Esperantistoj de Kramatorsk tre deziras korespondi kun esperantistoj de ĉiuj landoj pri vivmaniero, laborkondiĉoj, pri laboro de sindikatoj. Dez. interŝanĝi gazetojn, esp. librojn, fotaĵojn, afiŝojn, PM., PI. ktp.
Kruĝok Esperanto, Dvorec Kultury im. Lenina *Kramatorsk* (Dombass), USSR.

S-ro Jaroslav Kosik, Dobrichovice 245 (Ceĥoslovakio). PI, bfl.

*Redwood City* (USA, California). — S-ro Harold Rogers, 1204, Harrison Avenue, PI., L., k.ĉ.l.

### EDZIĜO

La 14an de Marto edziĝis en Antverpeno S-ro Jules Ginsburg kun F-ino Ida Löwy.

### Fervojbiletoj

Fervojistoj, kamaradoj en la tuta mondo. Kiu volas interŝanĝi kun mi uzitajn fervojbiletojn, PM., PK. bfl ? Mi sendas unue kaj certe respondas. Mi volas pruvi al mia administracio, ke Esperanto estas taŭga. Cäsar Rauber, konduktoro ŝtatfervoja, 53 Frölichstrasse, Brugg (Svislando).

**Fondinto : H. Hodler, † 1920**

**Redakcio : Tour de l'Ile, Genève, Red. : Provizora Komitato de U E A**

Presis : Granchamp, Imprimerie, Annemasse, (Hte-Savoie)

Dato : 10 Marto 1937